58 Num. ★ Madrido - Junio-Julio - 1922  VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



ĜENERALA VIDAJO DE MANRESA

# ESPERANTUJO

Ligo de Nacioj, malgraŭ sia celo, ankoraŭ estas mito, ĉar ĝi estas kvazaŭ Babel-Turo. Mankas al Ligo de Nacioj, por esti tutplene efika *io*, *kion* povas liveri al ĝi nur Esperanto: *tio* estas *sola interkomprenilo*, sed ĉi tiu interkomprenilo, per ĝi mem, liveros al Ligo de Nacioj *animon*, *spiriton fratigan*, kiu samtempe estas la sola kapablilo por fratigi la popolojn. Tial la Esperantanoj devos labori por sukcesigi la alprenon de Esperanto por la Ligo de Nacioj, kaj por unuigi sin je granda tutmonda rondo frata, kiu ankaŭ estus al Ligo de Nacioj grandvalora kaj efika kunlaboranto. Ni devas, do, starigi firme, kiel eble piej rapide, tiun Esperantujon pri kiu diras niaj lipoj kaj sopiras niaj koroj, sed kiun vere ankoraŭ ni ne fondis.

En Helsinki nepre devos maturiĝi Universala Ligo Esperantista ESPERANTUJO—, kaj al ĉi tiu ESPERANTUJO nepre devos aparteni ĉiuj Esperantanoj kaj al ĝi alportante ĉiujaran kotizaĵon. Sed oni devas konscii, ke Esperantanoj ĝenerale estas malriĉaj kaj idealemaj, kaj pro la idealemo, ili devas pagi ĉiujare nombrajn kotizaĵojn; tial estas nepre necese malaltigi kiel eble plej kotizaĵojn, konsciante ke grandega nombro da Liganoj estos pli fruktodona ol alta kotizaĵo de malgranda nombro da membroj; la kotizaĵo de la Ligo devas esti *du spesmilojn* jare, kaj ĉi tiun kotizaĵon oni dividos por UEA kaj Oficialaj Institucioj, liverante karneton aj Ligano. UEA difinos prezon apartan kaj malaltan, laŭ eblo, por la Jarlibro, por ke ĉiuj Liganoj povu ĝin posedi; abonprezon por «Esperanto» ankaŭ kiel eble plej malaltan, kaj ĉi tio estus ebla al UEA pro la grandega nombro da kotizaĵoj de la Liganoj, kaj UEA prosperos multe pli, same kiel Oficialaj Institucioj, kaj Esperanto pli rapide progresos kaj sukcesos per la tutmonda unuiĝo.

La Ligo konsistos el tiuj du grandaj branĉoj: Oficialaj Institucioj kaj UEA; naciaj Esperantanaroj estos fakoj, kiuj siavice povos konsisti el regionaj subfakoj, kaj tiuj ĉi el grupoj, societoj k. c. En Hispanujo, ekzemple, la Hispana Esperantanaro konsistos (laŭ la nunaj Federacioj regionaj, iam eble pli nombraj) el Kataluna, Vaska, Andaluzia, Levantina, Aragona kaj Zamenhofa fakoj kaj eĉ ĉi tiu lasta malaperi aŭ ŝanĝi la nomon. Kvankam aŭtonome funkciante, same, kiel ĉe ĉi tiuj, grupoj kaj societoj, ili havos komunan kunagadon; kaj la nacian Esperantanaron regos komitato konsistanta el prezidantoj de regionaj fakoj prezidata de iu elektota de la prezidantoj, kaj kies sekretario kaj kasisto estos tiuj de la regiona fako al kiu apartenos la prezidanto.

La regularoj de la naciaj Esperantanaroj sin fundamentos sur tiun de la Ligo, kaj tiuj de la regionaj fakoj sur tiujn de la naciaj Esperantanaroj, pri la ĝenerala komuna celo esperanta. Tiamaniere estos konstanta unueco por nia afero, kaj ni fariĝos grava kaj rimarkinda organizaĵo helponta la laboron pacan de la Ligo de Nacioj per tiu fratiganta sento, kiu estas la mirinda internaĵo de la kreitaĵo de nia kara Majstro. Same, kiel la Esperantanoj sin prezentas ĉiujare per siaj internaciaj kongresoj, la Esperantanoj devas firme stari kaj kunagadi unuope de nun, vivante vere en vigla Esperantujo.

*Julio Mangada Rosenörn*

# Pri infano kaj edzeco

De *F. Nietzsche*, esperantigita de P. S.

Mi havas unu demandon nepre por vi, mia frato: kiel sondplumbon mi ĵetas tiun demandon en vian animon por ekscii kiom profunda ĝi estas.

Vi estas juna kaj vi deziras al vi infanon kaj edzecon. Sed mi demandas vin: ĉu vi estas homo, al kiu *estas permesite* deziri al si infanon?

Ĉu vi estas venkriĉulo, sinobeanto, ko-

mandanto de l' pasioj kaj mastro de l' virtoj? Pri tio do mi demandas vin.

Aŭ parolas el via deziro la besto kaj bezonsoifo? Aŭ soleco? Aŭ malkontenteco kun vi mem?

Mi volas, ke via venko kaj via libereco sopiru al infano. Vi devas konstrui vivantajn monumentojn al via venko kaj via liberiĝo.

Super vin, pli alten vi devas konstrui. Sed antaŭ ĉio vi mem devas esti konstruita, ortangula korpe kaj anime.

Ne displantiĝu nur are, sed pli supren. En tio helpu vin la ĝardeno de l' edzeco.

Vi devas krei pli supran korpon, la unuan ekmovon, unu el si mem ruliĝantan radon—kreanton vi devas krei.

Edzeco: tiel mi nomas la volon duope, krei la unuon, kiu estas pli valora ol tiuj, kiuj ĝin kreis. Reciproka pespekto mi nomas la edzecon, respekto inter la volantoj de tia volo.

Tio estu la senco kaj vereco de via edzeco. Sed tio, kion múlt-tro multaj nomas edzeco, tiuj superfluuloj - kiel mi nomus tion?

Ho, tiu malriĉeco de l' animoj duope! Ho, tiu malpureco de l' animoj duope! Ho, tiu mizera agrableco duope!

Edzeco nomas ili ĉion tion; kaj ili diras, ke iliaj edzecoj estas kunigitaj en la ĉielo.

Nu, mi ĝin ne ŝatas, tiun ĉielon de l' superfluuloj. Ne, mi ne ŝatas ilin, tiujn en la ĉiela reto ĉirkaŭplektitajn bestojn.

Restu malproksime de mi ankaŭ la dio, kiu allamas por beni tion, kion li ne kunigis.

Ne ridu pri tiaj edzecoj! Kiu infano ne havus kaŭzon plori pro siaj gepatroj?

Inde aspektis tiu ĉi viro al mi kaj matura por la senco de l' tero: sed kiam mi vidis lian edzinon, ŝajnis al mi la tero; domo por sensenculoj.

Jes, mi volus, ke la tero konvulsie ektremu se sanktulo kaj ansero unu kun la alia pariĝas.

Tiu ĉi ekiris kiel heroo renkote al verecoj kaj fine li estas kaptinta malgrandan ornamitan mensogon. Sia edzeco li nomas tion.

Tiu estis sinretena en interrilatoj kaj elekliste. Sed subite li difektis sian societon por ĉiam: sia edzeco li nomas tion.

Tiu serĉis servistinon kun anĝelaj virtoj. Sed subite li mem fariĝis servisto de unu virino kaj nune estus necese, ke li super tio fariĝu ankoraŭ anĝelo.

Zorgemaj mi trovis nune ĉiujn aĉetantojn kaj ĉiuj ili havas ruzajn okulojn. Sed ankaŭ la plejruzulo aĉetas sian edzinon en la sako.

Multaj mallongaj malspritaĵoj—tion oni nomas ĉe vi: amo. Kaj via edzeco finiĝas multajn viajn mallongajn malspritaĵojn per unu longa malsaĝaĵo.

Via amo al virino kaj la amo de l' virino al viro: ho, se ĝi estus almenaŭ kompato kun suferantoj kaj kaŝitaj dioj. Sed plej ofte du bestoj divenas unu la alian.

Sed ankaŭ la plej bona via amo estas nur ravita komparo kaj dolorplena ardo. Kaj ĝi estas torĉo, lumanta, al vi por la pli altaj vojoj.

Super vin pli alten vi devas estonte ami! Do, nune lernu nur ami. Kaj pro tio vi devis trinki el maldolĉa pokalo de via amo.

Maldoĉeco troviĝas ankaŭ en la pokalo de l' plej bona amo: ĝi kaŭzas do sopiron al la superhomo, la soifon al vi, la kreanto.

Soifo al la kreanto, sago kaj sopiro al la superhomo: diru, mia frato, ĉu tio estas via volo al edzeco?

Sankta estas por mi tia volo kaj tia edzeco - tiel do parolis Zarathustra.

# MANRESA

La urbo staras kvazaŭ amfiteatro de la supro de altaĵeto ĝis bordo de la rivero *Cardoner*, kies akvo ĉu fluas inter aleoj, ĉu saltas bruetante de kluzoj. Ĉe ambaŭ ekstremoj de la urbo staras du pontoj el ŝtono; uno de la romana epoko kaj alia de XV ;arcento, kaj inter ili estas aliaj du, unu el ŝtono kaj la alia el ligno. De la romana ponto la vidaĵo de la urbo estas tre pitoreska.

En la urbodomo ekzistas rimarkinda arĥivo, kaj el ĝiaj valoraĵoj la ĉefa estas la *Llibre Vert de Manresa* (Verda libro de Manresa).

La preĝejo Sankta Mario de la Seo staras sur la loko de antikva romanstila preĝejo el kiu ankoraŭ povas rimarki la vizitanto pordon al galerio de korto kaj tri arkoj de la galerio. La preĝejo gotikstila konsistas el tri navoj, el ĉi tiuj tre larĝa la centra kun poligonaj kolonoj, kies kapiteloj prezentas skulptitan floraron; la arkajoj estas rimarkinde graciaj. Kolorigitaj vitraĵoj ornamas la ogivajn fenestrojn; kaj gotikaj altaroj, la kapelojn. Estas rimarkindaj: la bela baptejo; la ĥorejo, kun arta seĝaro duvice metita kaj bonega orgeno, sub kiu aperas skultaĵo, reprezentante kapon de maŭro sâme, kiel en la katedralo de Barcelona; iuj statuoj de gesanktuloj; la riĉa grandaltaro gotika. Sub la presbiterejo estas kripto; kaj sur du solaj kolonoj staras kvadrata turo sufiĉe alta. Oni ekkonstruis ĝin je 1328, kaj oni finisĝin je 1592. En ekstera kapelo de Sankta Aŭgusteno estas tombo el marmoro entenanta la restaĵojn de kanoniko Francisco Mulet, kies historion reprezentas ses grandaj pentraĵoj, kiuj ŝajnas jus pentritaj, tial ke la koloron ili konservas perfekte malgraŭ oni pentris ilin antaŭ tri jarcentoj.



PROMENEJO DE PETRO III.ª - MANRESA

La preĝejo de l' Carmen estas rimarkinda pro sia bela navo gotika, kun ogivaj kapeloj. En la presbiterejo aperas grandlitere skribaĵo *Lux orta est eis anno 1345*, kiu rememoras la lumon mirigantan, kiu aperis sur la montaro Montserrat laŭ la tradicio.

En tranĉaĵo de alta roko malfermiĝas groto, en kiu rifuĝiĝis sankta Ignaco de Loyola, por pentofari, preĝi kaj verki libron pri spiritaj ekzercoj, kiam li loĝis en Manresa. Sur la supron de la roko oni starigis ermitejon. Je la XVII jarcento, la Jezuitoj starigis riĉan barokan preĝejon, kiu entenas la groton, en kiu ili almetis reliefojn pri scenoj de la vivo de sia fondinto kaj altaron prezentantan la sanktulon kiam li verkas la libron sub protekto de la Virgulino; ĉi tiu kaj la sanktulo aperas altreliefe. Ĉi tiun altaron skulptis skulptisto de Manresa nomata Grau laŭ ideo elmontrita de pentraĵo donacita al la groto je 1625. Oni konservas fingron de la sanktulo, la libron sur kiu li legis siajn unuajn preĝojn, kaj la brikojn, kiuj estis al li kapkuseno.

Rimarkinda estas kanalo kontruita je la

XIV jarcento, longa je 34 km. 822 m. de la akvujo, ĉe la kastelo *Balsareny* ĝis loko *La Agulla*, kie ĝi duobliĝas, kaj la du kanaloj ankoraŭ estas 12 km. 173 m. La akvo de la kanaloj surverŝas kamparon kaj funkciigas maŝinarojn de gravaj industriejoj ĉar de tiu ĉi vidpunkto estas Manresa tre grava pro siaj nombraj industrioj: teksaĵojn ĉiajn, rubandojn el kotono, kordonojn, ĉapelojn, potojn, ferajn litojn, fer-bronzfanditaĵojn, tanitio antaŭa, kaj por ke vi spertu pri la efiko de nia lingvo kaj por ke vi ĝuu la ĝojon de tiaj fratigaj Esp-festoj kaj la viziton de konindaj lokoj kaj artaĵoj, kiuj parolas al ni pri rasoj, gentoj, arto, filozofio, historio, k. c., per kio ni spertas. Vi profitos fervojan rabaton, kiun atingos la organizantoj.





MONAĤEJO DE LA JEZUITOJ. - MANRESA

tajn ledojn, sapon, paperon, ĥemiaĵojn, dinamiton, pulvon, ĉokoladon, farunojn, supopastojn, k. c., la manresanoj fabrikas. La kamparo estas fruktodona.

*(Daŭrigos.)*

Aliĝu al Kongreso de Manresa, ĉar dum Esperanto ne triumfu tutplene, devo de ĉiu Esperantano estas partopreni multenombre la Esp. Kongresojn, por vidigi la prosperecon de nia afero; ĉeestu la Kongreson pro

# Teozofio kaj Esperanto

I

Multaj homoj, ne esplorinte la aferon, kredas, ke la Teozofio estas io tute malpraktika, ideala revaro de kompatindaj memtrompitoj. Tute eraras tiu, kiu tiel pensas. La teozofio, sur sia propra kampo, estas tiel same praktika kaj utila afero, kiel nia kara Esperanto mem.

En sia trafa raporto verkita por la Uni-

versala Raskongreso, D-ro Zamenhof prezentis kiel principon, ke la homoj, konservante siaj naciajn lingvon kaj religion por la inierna vivo de siaj lingvaj aŭ religiaj grupoj, devus, *en siaj rilatoj kun aliaj popoloj,* uzi lingvon por ĉiuj homoj neŭtralan, kaj *vivi laŭ morala kodo, kiu instruas agojn kaj morojn simile neŭtralajn* (1).

Tian neŭtralan religian sintezon prezentas la Teozofio. Kio Esperanto estas al la lingvoj de la homaro, tio estas la Teozofio al la religioj de l' mondo.

Kiel nia kara lingvo estas necesa por ĝenerala plifaciligo de la lingvaj rilatoj inter la nacioj, tiel same la Teozofio helpas interrilatigi kaj solidarigi la diversajn religiajn kaj etikajn komunumojn, en ilia socia orgânizado kaj utila homama laboro. Esperanto unuigas la homojn lingve la Teozofio unuigas ilin en la praktika celkonscia plenumado de idealoj.

Al tio oni eble respondos, ke tion faras ne nur la Teozofio, sed ankaŭ diversaj aliaj movadoj.

Prave. Sed de ĉio cetera la Teozofio estas distingata per tio, ke ĝi proponas al la homo *pli vastan planon* kal elrigardon, laŭ kiu li laboras ne kiel miopa mizerulo limita al unu vivo aŭ tempaĝo, sed kiel malproksimen vidanta kunlaboranto kun la Spirito de l' Naturo, tra ĉiuj tempaĝoj kaj epokoj.

La teozofio konsideras la homon ne kiel efemeran estajon pereontan post kelkete da jaroj, sed kiel senmortan animon, al kiu, en daŭro de vivo post vivo sur ĉi tiu tero tra miljaroj, estos malkaŝataj iom post iom ĉiuj sekretoj kaj potencoj de la Naturo. Bazante sin sur du fundamentaj pricipoj: la leĝo de l' *Karmo*—alidirite la leĝo de l' kaŭzo kaj efiko—, kaj la leĝo de l' *Reenkarniĝo*, ĝi promesas al la homo nepran evoluadon tra pli kaj pli altaj formoj, ĝis regionoj tiel altegaj, ke la homa okulo ankoraŭ ne povas tien penetri.

Sensencaĵo!—eble diros kelkaj. Ĉu tiu estas la *praktika* afero, kiun vi volas al ni prezenti? Kie estas viaj pruvoj pri tiu bela perspektivo?

Al tiuj mi respondus: Ne tro rapide! Se oni ekstudas ian sciencon, iun arton, oni ne lernas ĉion en unu sola minuto. Multaj el la plej fundamentaj kaj ordinaraj aferoj de nia ĉiutaga vivo ne estas «pruveblaj». La simpla centra fakto de via propra ekzistado, ekzemple. Kaj la potenca leĝo de la falo, laŭ kiu funkcias senerare kaj senĉese la tuta universo, ĉu tion vi kapablas facile «pruvi»? Aŭ provu «pruvi» la lumon al naskita blindulo!

La fundamentaj principoj de la Teozofio tamen estas pruvebjaj por tiuj, kiuj faros al si la penon, sintaŭgigi kaj pretigi al ilia fundamenta esplorado. Unue, oni akceptas provizore laŭ sia intuicio, laŭ sia prudento. Penetrante pli kaj pli en sia studado, oni povas konstati por si mem la veron de tiuj fundamentoj.

Do, por esti teozofo oni neniel bezonas subskribi al ia deklaro de kredo, al ia doktrino. Jam teozofo principe, per la fakto mem, estas ĉiu homo, kiu serĉas la Veron kaj konsentas iom kun la tri celoj de la Teozofia Societo.

(1) Tiun lastan temon nur ektuŝitan en sia memuaro, D-ro Zamenhof pli detale pritraktis en la broŝuro titolita «Homaranismo», eldonita jam antaŭ kelkaj jaroj.

---

AKADEMIO

## Fako pri konkursoj kaj premioj

«Dum la vintro 1921-22 la Akademio ne sin okupis pri premiado, ĉar ĝi ricevis nur unu verkon por ekzameno kaj eventuala rekompenco. La kaŭzo estas sendube, ke nek aŭtoroj, nek eldonistoj sufiĉe informiĝis pri la Regularo. Utile estas do ĝin denove publikigi kaj konigi al la esperantista publiko.

Por eviti senutilan elspezon al aŭtoroj kaj

eldonistoj. La rekompenco estas nur honora, la sendado de la libroj estu farota jena maniere: kun la prezento oni sendu:

Unu ekzempleron al la Prezidanto de la Akademio: Prof. Th. Cart, 12 rue Soufflot, Paris.

Unu ekzempleron al la Direktoro por konkursoj kaj Premioj: D-ro E. Privat, 2 Chemin de Roches. Geneve.

*D ro Edmond Privat.»*



REGULARO PRI VERKOJ

REKOMPECOTAJ DE LA AKADEMIO

1. La Akademio rekompencas ĉiujare kelkajn verkojn rimarkindajn laŭ stila rilato.

2. La nombro de la kronitaj verkoj ne superos kvin (5).

3. Oni rajtas proponi por la rekompenco tradukojn, sed originalaĵoj estoj preferataj de la Akademio.

4. La prezentataj verkoj devas esti publikigitaj en la lasta jardeko.

5. Nur libroj, kia ajn estas ilia amplekso, aparte eldonitaj, sekve ne gazetaj artikoloj, nek manuskriptoj estas prezenteblaj.

6. Verkoj de Akademianoj ne estas rekompenceblaj.

7. La rajto de prezentado estas rezervita al la membroj de la L. K.°, kiuj rajtas proponi ĉiu po du verkoj, kun konsento de la aŭtoroj.

8. La proponoj, montrante tre klare kaj precize la titolon de la verko, la eldonejon kaj la daton de la unua apero, devas esti sendataj al la C. Oficejo (51 rue de Clichy, Paris) *antaŭ* la 1. de Marto...

9. Akademia komisio elektos, post la legado de ĉiuj proponitaj verkoj, la dek plej bonajn.

10. La plena Akad. post raporto de la komisio, elektos la 5 rekompencotajn.



# Esperanto kiel idealo

Ne estas konata de ĉiuj la devizo de Esperanto.

Tri estas la vortoj kiujn enhavas la devizo de la esperanta idealo kaj ĉiu el ili tre amataj: «Paco, Frateco, Amo».

Ĉiu homo deziras Pacon, ĉiu homo predikas Fratecon kaj ĉiuj sentas la Amon. Preskaŭ estas neeble ekzisti ĉiu el ili aparte.

Se ni turnus nian atenton al la eŭropa konflikto aŭ plej bone dirite tutmonda, ni plej rememorus, ke ni ĉiuj estas fratoj, ke la militoj ĥur estas fratmortigaj luktadoj kiuj plenigas da larmoj la hejmojn, dissemas ruinojn kaj detruojn ĉe urboj kaj vilaĝoj kaj kovras per funebra vualo la tutan mondon, ke militcelo estas nur fine la landlima ŝanĝado, plivastigi unu nacion, malvastigi alian... kaj multajn fojojn, nur la regnestrara ambicio estas ĝia kialo.

Kial forgesas la homoj, ke la homaro nur estas granda familio? Ĉu ne estas ebla kaŭzo, parte, la nekomunikado en kiu vivas la popolo de unu kaj alia nacio pro la malsimileco de iliaj lingvoj? Ĉar, kiel esprimi niajn sentojn al tiuj, kiuj ne konas nian parolon? Kiel senti iliajn korinklinojn se ni ilin ne komprenas?

Malproksimigitaj la loĝantoj de unu kaj alia mondparto je kilometroj kaj kilometroj tere kaj mare, kiam oni parolas pri la tieaj nekonatoj, ili kaŭzas al ni la efekton kvazaŭ aŭtomatuloj, kiuj posedus la povon uzi la kvin homajn sentojn, sed malmulte aŭ preskaŭ nenio ni priokupiĝis pri la moralaparto; t. e.; ni forgesas, ke ili, similaj je ni, posedas koron kaj ke ĝi ĝenerale estas grandvalora netaksebla juvelo, ĉu estu ĝia posedanto humila persono, ĉu estu ia altrangulo.

Tamen, se ni scias, ke tiaj homoj, de ni persone nekonataj, estas niaj samideanoj (pri ia ajn ideo), aŭ ke ili apartenas al nia nacio, regiono, provinco aŭ urbo; ĉu ne vere ŝajnas al ni, ke la tero kiun ili piedpremas ne estas fremda al ni, ke ĝi alproksimiĝas

al ni, ke la vorto landlimo malaperas supren la limoj de ĉiu nacio, por permesi ke la pensoj pasu kaj atingu ilin, kaj ke eĉ ni sentas bati ilian koron kaj samtempe nian, kiam ni parolas pri tio, kion ni kaj ili tiel estimas?

Mi ne faros pliajn konsiderojn, mi nur diros; se al ĉio dirita oni aldonas sinceran tie estas lia patrujo, kaj ĉiu kiu havas tian idealon havas tie fraton.

Kaj se tiel granda simpatio naskiĝas pro la komunikado granddistance, ne povas esti malpli grava tiu, kiun oni sentas por la gesamideanoj persone konataj.

Rigardante, do, Esperanton de la morala vidpunkto, krom la multaj utiloj, kiujn ĝi



FASADO DE LA GROTO DE LA FONDINTO DE LA JEZUITOJ.—MANRESA

kaj sindonan korespondadon per kiu ni reciproke nin rakontas niajn kutimojn, la landmorojn, kiuj tiel karakterizas la popolojn, kune kun la persona intereso, kiun ĝi vekas, oni bone komprenos tian grandan simpation al personoj, kiujn ni neniam vidis kaj eĉ certe neniam vidos. Al la korespondado, sendube, oni multe ŝuldas la disvastiĝo de Esperanto. Pro tio ĝi ne havas landlimojn; tie, kie troviĝas esperantisto, alportos al la tuta homaro, ne estas strangaĵo por iu, ke la virino, apartigita ĝis nun de ĉia societo, hodiaŭ apartenu al la esperantaj societoj, ke ŝi havu esperantajn postenojn, ke ŝi laboradu kun ĝojo, deziregе, sindoneme kaj konstante, kaj la viro ne hontas altigi ŝin ĝis si men, kaj tiel ŝi devenas kuraĝa batalantino, sed batalantino paca.

Propagandu ĉiuj ni tian belan idealon,

kiu ne esceptas seksojn, aĝojn rangojn kaj eĉ naciecojn, kaj tiel ni forigu el la mondo egoismon, fieremecon, hipokritemecon, senmezuran ambicion, malamon kaj envion, kiuj naskas la kalumnion kaj murmuron, kiuj korputrigas la homaran societon, kaj per la sincera kaj reciproka interkomunikado de niaj sentoj, niaj penoj kaj suferoj malgrandiĝos, niaj ĝojoj estos pli grandaj, kaj ĉiu frate amante unu la alian, ni toleros niajn malgrandajn neperfektaĵojn, kaj la Anĝelo de la Amo kaj Paco etendante siajn neĝajn flugilojn ekkantados ĉie gloran himnon al la bonvolemaj homoj.

Eble oni diros, ke tio ĉi ne estas ebla, ke ĝi estas nur fantazioj de mia menso, naskitaj de mia amo al Esperanto, sed neniu povos nei, ke ni nur atingos la regnon de la Paco tagon en kiu regos la frata Amo, tagon en kiu ni ekpraktikadu tiajn belegajn kaj altestimindajn vortojn: «Amu ĉiujn kiel vin mem».

*María Julivert*

★ ★

# KONTRASTO

*G. Salazar B.*

Florinda, la kudristino petolema, de kolombaj paŝetoj, plenigis de gajeco la laborejon, kiam ŝi sin prezentis en ĝi, ĉiam kun sia malica rideto, kiu estis grimaco; do, tie, ĉio estis babilemo kaj ridoj kaj eĉ la birdetoj en siaj orkoloraj kaĝoj, pendantaj en la galerio, ŝajnis vidante ŝin, kanti kun pli da ĝojo.



INTERNAĴO DE LA GROTO. MA

Dum ŝi trairado sur la stratoj ĉio estis ĝentilaj voĉoj, kiujn ŝi ripetis tre sprite.

Ŝi estis vera diableto allogante korojn per fortaj ridoj kaj anĝelo metanta la balzamon de sia sincera amikeco sur la vundojn kaŭzitajn de sia neo.

Sed fine ŝiaj kunulinoj eksciis la kialon pri tia ma ŝato, je la elirhoro, ili rimarkis ke ĉe la pordo de la laborejo bela junulo atendis ŝin; feliĉa viro, kiu atingis intereri la koron de *freneza birdo*, kiel ili nomis ŝin.

Kaj ĉiuvespere ŝi lasis siajn kunulinojn kaj estis akompanata de la junulo.



Malfeliĉa Florinda! De antaŭ kelkaj tagoj, ŝi estas malgaja.

Eĉ la laborejo ŝajnas pli malhela ol kutime; jam oni ne sekretparolas; jam oni ne ridas; oni laboras silente; la birdetoj ne kantas...

Ne estas strange; ŝia amiko, ne konstanta, serĉis je alia junulino distriĝon.

Poste, ŝi ne ĉeestis la laborejon. Ŝiaj amikinoj eksciis, ke ŝi malsaniĝis.

—Kompreneble—diris ŝia patrino—kial ŝi restadis dum longaj horoj kun tia infera vetero ĉe la fenestro rigardante senĉese la straton? Kaj kio por ŝia patrino nur estis kaprico, tion la amikinoj kvalifikis inter si: ĉiu vespere li trapasis tiun straton irante hejmen.



Estas la dimanĉo de karnavalo.

La febro konsumas la malfeliĉan Florinda'n. Apud ŝia lito sur pendilo, troviĝas ŝiaj vestaĵoj same kiel estis lasataj kiam ŝi malsaniĝis. Ŝiaj okuloj, antaŭe tiel brilaj, nun estas malhelaj kaj enigitaj, ili aspektas konfuze.

Subite ŝi leviĝas kaj apartigas per la dekstra mano la belajn buklojn kiuj, senorde, falas sur ŝian vizaĝon.

Ŝi ŝajnas vidi iun, ĉar samtempe kiel ŝiaj okuloj pliheliĝas, ŝi ekdiras:

—Ĉu vi venas por min konduki en maskobalon? Kiu diris, ke vi ne amos min? Sed, demetu vian maskon... Ĉu vi ne volas?... Bone... ha... jes... kia maskovesto tiel bela!

Ŝi sin turnas al pendilo, kaj prenas ŝiajn vestajojn, kiuj ŝajnas al ŝi el multkoloraj silkoj kaj ŝi ilin surmetas.

—Mi jam estas preta, ni iru.

Kaj tiu iu devas respondi al ŝi.

—Jes, ni iru; sed antaŭe mi volas diri al vi, kiu mi estas.

—Vi estas...

—Ne tiu, kiun vi imagas; mi estas la finiĝo de la vojo de la vivo. Hodiaŭ mi surportas unu el la sennombraj vestoj kiujn mi posedas; iun tagon mi nomiĝas bronkito, aliam, tuberkulozo, hodiaŭ mi nomiĝas pulmonio... Sed mi ĉiam estas la sama Jen - aldonis montrante siajn malplenajn okultruojn –; mi estas, la Morto.

Kaj Florinda falis peze sur la tapiŝon, disfaligante faskon el lilioj, kiuj formis kronon je la kadro de ŝia anĝela vizaĝo, kies beleco plej hele montriĝis.

Tie, sur la strato, aŭdiĝis kriado senĉesa. Ĉu vi konas min? Mi estas... karnavalo.

Tradukis el hispana lingvo,

*Antonio Durá*

---

# LA RUINIĜINTA KASTELO

Ian tagon mi trairadis vojon kiu kondukis al malgranda vilaĝo ĉe kies eksterajoj troviĝis fama kaj antikva kastelo, jam de nedifinitaj jaroj ruiniĝinta.

Dum la vojirado mi haltigis kamparanon al kiu mi demandis pri tiuj famaj ruinoj; li montris al mi vojeton (la lokon), kaj dankinte lian afablan konduton, mi estis preta daŭrigi mian senĉesan piedvojaĝeton. Poste mi alvenis al tiu loko trovante la kastelon ĉirkaŭitan de plena soleco.

Unue prezentiĝis al mi ĝia aspekto, kvazaŭ soldato kiu dum la tempbatalo perdis sian fortan spiriton, starante nur pere de sia bajoneto; kaj ĉiam, kiam mi rigardas kastelon, prezentiĝas antaŭ mi plej ofte antikva tempo, tial ke ĝia ekstera flanko ĉiam montras antikvaĵon, ĉar nuntempaj fortikaĵoj estas aliaspektaj, pro la progreso atingita ĝenerale kaj bedaŭrinde aplikita kaj aplikata por frataj mortigoj.

La ekstermuroj de tiu kastelo estis tro malnovaj kaj antikvaj, kaj ankaŭ iom plenigitaj de herbaj kreskaĵoj inter la kavoj de l' muroj kaŭze de l' tempo kaj forlaso; sur

la suprajo, ĝi havis malgrandan turan sonorilejon, sed la sonorilo estis forigita, kaj ĉio estis preskaŭ detruita de la longeco de l' jaroj. Post la rigardado mi min demandis: Kion signifas tio? Tiu kastelo prezentis la sekvon de teruregaj krimoj kaj gravaj bataloj inter fratoj de malsama lingvo aŭ kredo. Ho, ridinda kaj serioza afero!! Ĉu indas batali por enkonduki la du antaŭdiritajn vortojn? Ne oni meritas respondi tiun demandon ĉar logike jam respondas ĝin.

Post longa rigardado, mi vidis trapasi apud tiu kastelo kamparanon kiu mirigate de mia senĉesa rigardado, diris al mi: Bonan vesperon, sinjoro; ĉu vi estas samvilaĝano, aŭ vi venis ĉi tien ekskluzive por viziti ĉi tiun lokon? Viaj lastaj vortoj estas pravaj pri via demando, afabla vilaĝano; estas tiel famkonata kaj havas tian famon la kastelo, ke mi tute kuriozema venis ĉi tion por ĝin admiri, sed domaĝe, mi nur povas rigardi la eksteron.

Ho! sinjoro; ĉu vi deziras ankaŭ viziti la internon? mi povas tre volonte plenumi vian deziron, akompanante vin ĝis tie, tial ke mi havas la ŝlosilojn de l' kastelo, ĉar mi ĉi tie estas la lokgardisto. Mi dankas vian ĝentilecon kara amiko, mi respondis; kaj post tio ni supreniris la kastelon sur la malnova ŝtuparo, kaj vizitante ĝian internon, mi vidis belegajn antikvajojn tiel per la internaj muroj, kiel per la enhavataj mebloj; poste mi demandis la kamparanon, ĉu neniu loĝis nun en la kastelo, al kio li respondis: «La nobela familio de l' kastelo estingiĝis aŭ tute malaperis, kaj ĝiaj enhavajoj konserviĝas nur por la historia famo.» Ankaŭ mi demandis lin, ĉu la vilaĝanoj vizitis tiun lokon, kaj jen lia respondo: «La vilaĝanoj ne volas viziti ĝin, pro timo, ĉar ili diras, ke dun la nokto ili aŭdas la sonorilon.» Kion vi diras? mi respondis; ne povas esti tio ĉar la sonorilo pri kiu vi aludas estas forigita. «Sinjoro, li diris; en nia vilaĝo oni kredas pri multaj strangajoj, krome la vilaĝanoj estas tre kredemaj pri spiritoj.»

Aŭdinte tion kaj vizitinte la tutan kastelon, mi eliris el ĝi kun li, kaj rememorante liajn vortojn rilate la kredon de l' vilaĝanoj pri spirito, mi min diris: Ŝajnas mensoge ke tiuj personoj, kiuj pro la nescio, kiu regas plej ofte en la malgrandaj vilaĝoj, kaj per timo al tia kredemo, sindetenu por viziti aĵojn indajn kaj belajn kiel la antikvajojn.

*G. kaj D.*

Dediĉita al la Esperanta Societo «Paco kaj Amo».

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

La dudektrian de Aprilo oni fermis la gravan esperanto ekspozicion de la Grupo de Jerez, en la Ateneo de ĉi tiu urbo kun granda sukceso per parolado mirinda de ĝia prezidanto, la klera laboristo kaj nelacigebla pioniro Petro Naranjo, en la salono por festoj, kiun plenigis estiminda ĉeestantaro el ĉiaj socialaj klasoj. La impreso de la parolo de tiu ĉi laboristo humila estis granda super ĉio sur eminentulojn, kiuj restis mirigataj kaj ekkonsciis pri la povo kaj efiko de Esperanto. Edifiĝu. konstatu, ĉiuj, kiuj havas pli favoran situacion ol S-ro Naranjo kaj estas Esperantistoj, kiel Esperanto rapide venkus se ili imitus la entuziasman samideanon.

De la haveno de Barcelona jus eliris por sia patrujo tria karavano el aŭstriaj geinfanoj, kiuj trovis ĉi tie dank' al nia kara lingvo, nutraĵon por la korpo kaj por la animoj. Ili ensipiĝis en la italan ŝipon «Principessa Mafalda», ili portas al sia lando la amon fratan de tiuj, kiuj ilin gastigis; adiaŭantoj kaj adiaŭatoj elmontris per kisoj, brakpremoj kaj larmoj, la povon de la kreitaĵo de nia kara Majstro. Niaj samideanoj Jozefo Perrat kaj Francisco Gorgues el Barcelono, pastro Jozefo Casanovas el Gerona, Alavedra kaj Chaler el Tarrasa, el Gerona, Tarra-



Unu el grupoj de aŭstriaj geinfanoj gastigitaj de Hispanujo pretaj ensipiĝi en Barcelono por reveno al patrujo

sa kaj Barcelona komitatoj por la gastigo kaj multenombraj samideanoj ilin adiaŭis. Ilin akompanas niaj aliaj samideanoj S-roj Jacinto Comella el Vich, Francisco Mañez el Chester kaj aliaj. Karaj geinfanoj, kiam vi alvenu al via hejmo, ne al via patrujo, ĉar patrujo de Esperantisto estas la tuta mondo, ĉar Esperanto estas Eterna Fratiĝo, ne forgesu, ke per Esperanto vi trovis helpon kaj vi fratiĝis kun homoj, kiujn tradiciaj baroj obstinaj prezentas fojojn kiel malamikojn; ne forgesu, ke vi per Esperanto faligis tiajn barojn kaj fariĝu iam kuraĝaj pioniroj de tiel efika fratigilo.

Barcelona Esperanta Societo nelacigeble kaj sukcese daŭrigas sian laboron. Ĝi eldonas «Informa Bulteno» kastile lingve verkitan por alvenigi al ne—Esperantistoj ĉion koncernantan progreson kaj sukceson de Esperanto, kaj ĝi liveras per malgranda jara monhelpo bonan informilon kaj anoncilon el komercistoj, industriistoj, k. c., elruvante tiel efikon de Esperanto por la praktika vivo. La dua n-ro raportas pri la tria karavano de aŭstriaj geinfanoj gastigitaj de Hispanujo kun fotografaĵoj.

Vigle agas B. E. S. kaj multe efikas ĝia ĉiumonata «Bulteno», kies lasta numero pritraktas la gravan konferencon de la Instruistaro.

La grupo «Nova Sento»—Enna, 156 - San Martín—entuziasme daŭrigas sian laboron kun bona sukceso; jus anstataŭis ĝi sian komitaton kiu certe regos la grupon tiel sukcese, kiel la anstataŭita, ĉar esperanta fervorego gvidas de longe la malnovan grupon.

Bedaŭrinde forlasis Delegitecon de UEA kaj eĉ eksiĝis niaj entuziasmaj, agemaj kaj fidelaj esperantanoj S-roj Francisco Piñol kaj Francisco Gorgues.

Senescepte, laŭdinde, la Barcelona Esperantistaro laboras por sukcesigi la regionan Kongreson de Manresa kaj la I.an tutlandan en Valencio.

Valenciaj samideanoj fervore agadas por

nia I.a Kongreso, ili jam aperigis sur la jurnalo «Las Provincias» la Manifeston de la Instruistoj de la ĝeneva Konferenco. En Murcio, S ro Codorniu same faris sur loka ĵurnalo, kaj samideanoj de Jerez ankaŭ.

Tial ke sur Esp. gazeto oni diris iometo kontraŭ Esperantistoj celantaj propagandi per tutmonda rondvojaĝo, ni konstatas, ke en Vendrell, per vizito de holandaj samideanoj Peubreij kaj Stolltje, kiuj faras la rondvojaĝon biciklede, la publiko bone konsciis, ke Esperanto tute taŭgas; multenombraj kuriozemuloj rimarkis kiel bone interrilatiĝis kaj interkompreniĝis la vizitantoj kaj Vendrellaj samideanoj. Ĉi tiu vizito enkondukis nombrajn gelernantojn en la kursojn, kiujn gvidas S-ro Esvertit kaj F-ino María Julivert. Ĉiusemajne la enurba gazeto «El Baise Panades» aperigas Esperantan Fakon.

S-ro Maraury jus sukcese finis sian kurson en San Fernando (Cádiz); li esperantigis 20 personojn, kaj estas granda entuziasmo por venonta kurso. En Tarrasa jus solene okazis festo por honori la nelaciĝeblan pioniron Chaler. En Guadix, baldaŭ oni fondos grupon, kaj en Málaga jus oni fondis grupon «Juventud Esperantista» (Esperanta Juneco)—strato Pi y Margall, 8.



EKSTERLANDA

Gravega estas jusa sukceso de Esperanto; laŭ dekreto de la Germana ministerio por internaj aferoj de 2 de februaro, la Saksa Esperanto-Instituto estas fransformita en Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko; provizore ĝi restos en Leipzig. La dirita ministerio instalis ĉe ĝispecialan fakon por Esperanto. Kaj la Ŝtatministerio de Braunschweig dekretis, ke Esperanto estu rekomendata kiel nedeviga instrufako por la altaj ŝtataj lernejoj.



Aŭtoritatuloj de Bercelono, Komitatanoj por la Gastigo de aŭstriaj geinfanoj kaj geesperantistoj, por adiaŭi la geinfanojn

La urbestraro de Milano decidis subvencion je 1000 liroj por la Itala Esp. Asocio.

La foiro internacia de Vieno havas specialan esp. fakon kaj tiu de Basileo (Svisujo) eldonis ilustritan Esper-Katalogon kaj ankaŭ havas esp.-fakon.

Ĉe la Franca Mara kaj Kolonia Ligo voĉdonis deziresprimon la komisiitaro de Instruado, por ke la Ministro por maraj aferoj favoru la instruadon de Esperanto, por ke la ŝtata sekretariejo de la komerca navigado ankaŭ favoru la lernadon de nia lingvo ĉe siaj lernejoj, kaj, fine, por ke la kompanioj de navigado kapabligu siajn oficistojn Esperanten.

En Svisujo la movado progresas ĝenerale kaj dank' al propagando de S-ro Schafroth, kiu loĝis inter ni dum iuj jaroj kaj kiu estas de longe subtenanto de ĉi tiu gazeto, ĵus fondiĝis grupo en Burgdorf.

En Japanujo niaj samideanoj prezentis peton al la Parlamento por ke ĉi tiu komencu esploron pri enkonduko de Esperanto en lernejoj; ĝin akceptis la Malsupra Domo kaj oni certigas ke la supra ankaŭ ĝin akceptos. Tio elpruvas ke japanaj Parlamentanoj konscias pri graveco de Esperanto.

La Esperanto-Oficejo de Lyon, 36 rue Víctor Hugo, estas nun translokita *30 rue Ferrandiére 30, Lyon*, kaj estos, kiel ĝis nun, direktata de S-ino Farges.

De nun je tiu sama adreso funkcias:

La Grupo Esperantista de Lyon: S-ro Profesoro Antonelli, prezidanto; S-ino Farges, kasistino; S-roj Sandelyon, ĝenerala sekretario; D-ro Beau, bibliotekisto; Poncet, helpsekretario.

La Delegitaro de U. E. A.: S-ino Farges, delegitino; S-roj Besombes, vicdelegito; Sandelyon, vicdelegito; Poncet, vicĉefdel. por Sud-Or. Francl.

En Albanio ĵus oficialigis la registaro instruadon de Esperanto.



# TRA LA MONDO

**Fabrikado de radiumo.**—Usòno estas la lando, kiu pli fabrikas radiumon. Je la fino de 1918, oni produktis 55 gramojn el uranio kaj el vanadio, tre maloftaj metaloj radioefikaj. Oni kalkulas, ke nur utiligante mineralojn de minoj de *Colorado* kaj *Utah*, oni povus elĉerpi 500 gràmojn.

Antaŭ la milito, franca fabriko produktis dum kvin jaroj 27 gramojn kun elspezo da 700.000 frankoj po gramo.

Nune, funkcias aliaj fabrikoj, kiuj atingis elĉerpi jare 18 gramojn.

En *Madagascar* kaj *Tonkin* ekzistas mineraloj radioefikaj, kiujn oni transportos al Francujo por la fabrikado. En Portugalujo, je 1918, oni produktis 5 gramojn.



**La vivo de la plantoj.** - Jagadis Chander Bose, hinda sciulo, en Parizo, paroladis pri rezultatoj de siaj eksperimentoj kaj observadoj rilate al vivo de la plantoj, kaj li elmontris grafikojn de la plantoj mem pri ilia dormo, pri influo kaŭzita de nubo sur ilin, pri efikoj de la suno sur ilin, pri iliaj ekscitiĝoj.

La publiko vidis la plantojn narkotitaj de la etero kaj de la kloroformo, iliajn lastan kontraŭagon, spasmon, kaj morton.

Bose konigis sian aparaton, de li elpensitan, por mezuri kreskadon de la plantoj, kiu ampleksigas de miliono ĝis cent milionoj la grandecon de ereto.

La hinda sciulo parolis pri reveno de energio, de vivo, pro ia stimulilo, al parto preskaŭ senviva de kreskajo. Ĉu la fenomenoj koncernas vivon de la plantoj aŭ estas fizikaj fenomenoj? Ĉi tio kaŭzis grandan diskuton de sciencistoj ĉeestantaj prezidataj de Berthelot.

Bose diris, ke la scienco, kiam la sciulo bone ĝin direktas estas dia donaco: «Por ni, scio kaj religio estas la samo. De antaŭ dudekdu jarcentoj la reĝo Asoka ordonis gravuri sur ŝtonon ĉi tiujn vortojn: «Iru kaj intermiksiĝu kun la homoj, por konduki ĉi

tiujn al scio kaj al la justeco. Iru en kruelulojn kaj povulojn, ĉi tien kaj fremdlanden, kaj amu ĉie, kiel fratojn, ĉiujn, kiuj alproksimiĝos al vi.»



**Kontraŭ la tuberkulozo.**—En Hispanujo, post aplikado de inokulaĵo Ferran en Alcira (Valencia), nun estas ĝin aplikanta en Mallorca (Baleara insularo). Ĉi tiu inokulaĵo estas kontraŭ la tuberkulozo, kaj oni inokulis la seron al milaroj da personoj; la rezultatoj estas mirindaj sur la malsanuloj. Multenombraj kuracistoj ĉeestas la eksperimentadon, kaj eĉ iuj kontraŭuloj fine konvinkiĝis. La elpensinto estas la fama maljuna doktoro Ferran, kiu je 1885 elpensis inokulaĵon kontraŭ la ĥolero, inokulaĵo tre efika ĉar ĉiuj inokulitaj personoj dum la terura epidemio de tiu jaro ne suferis la danĝerojn de la malsano. Tiam multe oni kontraŭstarigis la elpensitaĵon de doktoro Ferrán, sed la tempo faris justecon.

Doktoro Calmette, vicdirektoro de la Instituto Pasteur faradas eksperimentojn por venki la tuberkulozon de la bestoj kaj la rezultatoj ĝis nun estas esperigaj. La doktoro metis, instalis en la sama stalo kvin bovinojn tuberkulozajn kaj dek bovidinojn. Li inokulis ses bovididojn per injekto da dudek miligramoj el tuberkulozaj baciloj kulturitaj ĉe limfo glicerina, kaj li inokulis tra vejno de la kolo.

La pavimo de la stalo estis dekliva, kaj la loko de la bovidinoj pli suba ol tiu de la bovinoj; tiat la fekaĵoj kaj sekrecioj de la bovinoj konstante makulis eĉ la manĝaĵojn de la bovidinoj.

Post kelkaj tagoj la doktoro inokulis bacilojn de la tuberkulozo al iuj bovidinoj el la antaŭe inokulitaj. Kaj la eksperimentojn li faris tri fojojn dum tridekkvar monatoj, unu fojon po jaro.

Oni buĉis la bovidinojn kaj oni konkludis: el kvar bovidinoj, kiuj ne estis inokulitaj, tri estis tre tuberkulozaj; kvar inokulitaj tri fojojn estis tute sanaj; du inokulitaj nur unu fojon, prezentis grandajn tuberkliĝojn.

La eksperimentoj kontraŭ la tuberkulozo esperigas tujan liberigon de la Homaro pri tiu terura malsano.

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid